

# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO XXI, n-ro 2

majo-aŭgusto 1982

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## GEORGI DIMITROV - 100 JAROJ DE LIA NASKIĜO
(1882-1949-1982)



(1882–1949–1982)

GEORGI DIMITROV PRI LA ESPERANTO-MOVADO KAJ PACBATALO

Laŭ aserto de la konata germana esperantisto Jürgen Hamann, bibliotekisto en Lejpcigo, inter la libroj de Dimitrov en la muzea biblioteko troviĝas lernolibro de Esperanto por bulgaroj, verkita de Asen Grigorov. Tiu fakto konfirmas la pozitivan rilaton de G.Dimitrov al Esperanto. Ĉiuokaze, kiam Asen Grigorov, lia unua persona sekretario en Bulgario, interparolis kun Dimitrov konkrete pri materialoj aperintaj en aŭ per Esperanto en eksterlandaj gazetoj, Dimitrov tuj esprimis pozitivan rilaton, ne metante al Grigorov elementajn demandojn rilate Esperanton.

Ni esperantistoj ne povas ne interesiĝi pri la rilato al la Esperanto-movado de persono kia Dimitrov. Kaj tute ĝuste agis la Centro pri Esploro kaj Dokumentado de Universala Esperanto-Asocio, eldonante kolekton de eldiroj de famaj personoj sub titolo "PRI INTERNACIA LINGVO - DUM JARCENTOJ" de mag. Isaj Dratwer. La unua eldono aperis en 1970, poste aperis ankaŭ dua eldono.

En tiu valora kolekto oni povas legi sur paĝo 112 rekomendon de Georgi Dimitrov al la esperantistoj. Al ĝi mi revenos denove.

La bulgara esperantisto Asen Grigorov, originala esperanta poeto kaj bonega tradukisto, sperta redaktoro kaj publicisto en esperantaj eldonaĵoj, estis rekomendita kiel persona sekretario al Georgi Dimitrov, tuj kiam ĉi tiu revenis al Bulgario.

Grigorov tre taktike ekparolis al Georgi Dimitrov lige kun konkreta materialo aperinta en belga komunista gazeto en franca traduko el Esperanto. Temis pri korespondaĵo de bulgara esperantisto, kiun lia belga korespondanto transdonis por pub-

likigo en franclingva eldonaĵo. Grigorov klarigis al Dimitrov kiamaniere la bulgaraj esperantistoj organizas internacian korespondadon kaj ilustris tion per ekzemploj.

Karakterize estis pri Dimitrov, ke li tre atente aŭskultis siajn kunparolantojn. Li tuj kaptis la pozitivan praktikan signifon de la internaciaj kontaktoj de bulgaraj esperantistoj en periodo tre malfacila por Bulgario, kiam ĝi ankoraŭ estis traktata de la okcidenteŭropaj registaroj kaj Usono kiel aliancano de Hitler. En la eksterlanda burĝa gazetaro daŭre estis misprezentata la vera situacio en Bulgario. Oni ne nur misprezentis, sed simple kalumniis novan Bulgarion.

Kaj jen: la realisme pensanta ŝtatisto Georgi Dimitrov tuj orientiĝis. Li diris: oni devas uzi ankaŭ tiun kanalon - la esperantan - por disvastigi la veron pri nova Bulgario en la rondojn de la internacia publika opinio. Per Esperanto oni devas varbi novajn amikojn de Bulgario. Post tempo li diris al respondeca persono, kiu gvidis la Prezidirekcion ĉe la Ministra Konsilantaro: "La Asocio de bulgaraj esperantistoj estas malnova organizo ekzistanta jam antaŭ la liberiĝo de la lando el sub faŝista jugo. Tiu asocio havas siajn internaciajn kontaktojn dum multaj jaroj, oni konas ĝin bone en tiuj rondoj. Do, kion ĝi, la Asocio, eldonas kaj disvastigas eksterlanden, al tio oni kredos pro la fido, kiun oni havas al la Asocio mem. Faciligu tiun agadon de la esperantistoj, malgraŭ ke ekzistas terura manko de papero kaj ilaj presejoj estas detruitaj de la bombado."

Dank' al lia interveno oni garantiis prespaperon por la eldonado de la revuo de BEA"Internacia Kulturo", redaktata de Asen Grigorov. Krome la novefondita Bulgara Esperantista Kooperativo establis sian propran presejon kaj eldonadis broŝurojn, lernolibrojn, originalajn kaj tradukitajn verkojn, multaj el kiuj atingis ankaŭ eksterlandajn esperantistojn.

Tiu grava helpo de Dimitrov, ebliginta la eldonadon de "Internacia Kulturo", havis tre pozitivan sekvon por la internacia Esperanto-movado: la revuo stabiliĝis tiel, ke ĝi estis transfo-

rmita en komunan eldonaĵon de balkanlandaj Esperanto-asocioj kun internacia redakta komitato. En la redaktan komitaton eniris ankaŭ la aganta tiam en Zagreb tre aktiva juna profesoro Ivo Lapenna, poste longjara plej respondeca gvidanto de Universala Esperanto-Asocio.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Kaj nun ree al la verko "PRI INTERNACIA LINGVO - DUM JARCENTOJ". En ĝi troviĝas eltiraĵo el la stenografiaj notoj de Grigorov pri la konversacio kun Dimitrov. Dimitrov konsilis: "Agu plue en tiu ĉi direkto. Antaŭ ĉio verku kaj eldonu broŝuron pri nova demokratia Bulgario, pri la spirito reganta en ĝi, pri niaj atingoj en la rekonstruo ekonomia, kultura kaj socia. Vi estas neŭtrala organizo, viaj rilatoj kun alilandaj esperantistaj organizoj estas tre valoraj, kaj vi devas ilin konforme uzi".

En tiuj linioj oni tuj rekonas la realisman pensmanieron de Dimitrov. Ne estante mem esperantisto, li sen antaŭjuĝo pritaksis la valoron de Esperanto-movado kaj senhezite subtenis ĝin.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

(El la libro de nia redaktoro NIKOLA ALEKSIEV, dediĉe al la 100-jara Dimitrov-jubileo)

GEORGI DIMITROV KIEL ĴURNALISTO

Estas konate, ke la heroo de Lejpcigo Dimitrov estis ankaŭ ĵurnalisto. Jam juna preslaboristo kaj sindikata gvidanto kaj poste kiel partia aktivulo kaj gvidanto li ofte aperigis diversajn artikolojn. Nia kunredaktoro de "IJ" N.Aleksiev skribas: "En la periodo de lia maturiĝo en la laborista movado la ĉefaj landaj presorganoj - ĵurnalo "Rabotniĉeski Vestnik" (Laborista ĵurnalo) kaj revuo "Novo Vreme" (Nova tempo) - publikigis plurajn informojn pri diversaj Esperanto-eldonaĵoj (libroj, lernolibroj, vortaroj, propagandiloj). Iuj el la tre proksimaj amikoj kiel ekzemple Dragoj Koĝejkov, Kosta Ganev k.a. estis esperantistoj. Aleksiev notas ankoraŭ, ke kiel redaktoro de la sindikata fako en ĵurnalo "Rabotniĉeski Vestnik" en 1912 Dimitrov donis lokon al informo pri la antaŭstarantaj landa kongreso de bulgaraj espera-

ntistoj kaj Universala Esperanto-Kongreso en Krakovo, Pollando.

En ĵurnalo "Rabotniĉeski Vestnik" en 1923 li publikigis artikolojn pri la neceso de la laboristoj, vilaĝanoj kaj aliaj laboruloj unuigi sin en unuecan fronton en la batalo kontraŭ la faŝismo kaj li estis unu el la ĉefaj gvidantoj de la unua en la mondo antifaŝista - Septembra Ribelo - en la sama jaro en Bulgario. Li dum sia batalo kontraŭ la hitlero-faŝismo en la Lejpciga juĝproceso 1933 senmaskigis la faŝismon de Hitler kiel plej barbaran kaj militpreparantan ŝtatpotencon kaj ke kontraŭ ĝi kaj kontraŭ similaj reakciaj partioj kaj regantoj oni devas unuecigi siajn demokratiajn fortojn en larĝan, fortan Popolan Fronton.

Per siaj akraj revoluciaj plumo kaj parolo li fondis la tutpopolan organizaĵon Patrolanda Fronto en Bulgario en 1942, kiu per la venka Septembra ribelo 1944, kun la decida helpo de la ruĝa armeo, renversis la prohitleristan reakcian registaron kaj kreis la liberan popoldemokratian respublikon Bulgario.

Okaze de Dimitrov-jubileo dum majo j.k. en Sofio okazis granda internacia ĵurnalista simpozio, organizita de Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj kaj de Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj kun partoprenantoj el 23 landoj. Interalie tie la docento de ĵurnalistiko, vic-dekano de la ĵurnalistika fakultato de Sofia universitato "Kliment Ohridski" Miŝko Ivanov parolis pri la senmortaj lecionoj de partia ĵurnalistiko de G.Dimitrov. En intervjuo Ĵerar Gatino - prezidanto de la sindikato de la francaj ĵurnalistoj kaj vicprezidanto de IOJ diris: "En nia laboro kiel ĵurnalistoj ni inspiras nin de tiaj personoj kiel Georgi Dimitrov, kiu per sia kuraĝa publicista plumo donis brilan ekzemplon pri tio kiel per la gazetaro la ideoj devas atingi ĝis la amasoj kaj servi al ili en ilia batalo por paco, demokratio kaj socia progreso".

I. Es.

Arĥivoj de E-ĵurnalistoj

La historio de la E-movado prezentas intereson por multaj. Ĝi estas afero nesimpla, ĝi rakontas kiel la genia eltrovaĵo trairas sian dornan vojon. Antaŭnelonge unu publicisto sin turnis al mi kun peto restarigi laŭpove la modernan historion de E-movado post la dua mondmilito, pli precize dum la periodo 1945-1965. La moderna vivo posedas aron da iloj kaj rimedoj por registri eventojn (preso, radio, tv). Sed neniu el ili taŭgas por la skizita tasko, ĉar plejparte tiuj ignoras E-movadon. Ordinare la perioda preso reflektas necesajn temojn. Ankaŭ E-perioda preso ne multon povas doni pro siaj limigitaj eblecoj. Kaj mi, do, enpensiĝis, kiel plenumi la peton de la publicisto. Fine, trarigardinte stokon da leteroj kaj iujn hazardajn notojn,mi skribis kelkajn paĝojn pri ĉefaj trajtoj kaj mejloŝtonoj de la periodo. Sed tia kaj similaj bezonoj povas aperi en diversaj medioj kaj okazoj.

Kaj en mia konscio aperis la kinokadro: ARĤIVO.

Arĥivoj kreiĝas per si mem. Precipe ili abundas ĉe la apartaj ofte verkantaj ĵurnalistoj. Oni formetas iun dokumenton pro momenta senaktualiĝo, alian, trian... Al tio aliĝas kelkaj ricevitaj leteroj, ĉar por E-ĵurnalisto epistola "literaturo" kreas eble la plej abundan kaj fidindan fonton de informo. Formiĝas kolekto de forservintaj paperoj. Do, jam arĥivo. Tiu procedo precipe rapide progresas en redakcioj, se la tuton ne forglutas la redakcia korbo. Por historio prezentas intereson ajna "enfosita" teksto, sendepende ĉu la presita, ĉu skribita permane, nur ke ĝi entenu valoran informmaterialon. Kaj por la historio precipe validas nepublikigitaj tekstoj. Kaj E-kaŭzo staras sur tiu interspaco, kien kuniras interesoj de sociologoj, lingvistoj, interlingvistoj, sociolingvistoj, jam ne parolante pri puraj historiistoj.

Arĥivoj de E-ĵurnalistoj estas plejparte en senorda stato, kaj kutime ili trafas al homoj, por kiuj tio estas amaso da ru-

..

bo kaj makulaturo, de kiu estas emo liberiĝi plej primitivavoje. Sed la informoj, entenataj en E-ĵurnalistaj arĥivoj, estas plejparte unikaj kun granda socia valoro, ĉar E-movado jam kreis certan stokon de kulturaj trezoroj, reflektintaj en tiuj tekstoj.

Estas interese mencii du ekzemplojn. La fama biofizikisto S. S.Ĉeňotin estis majstro de scienca arĥivorganizo. Li pasigis ĉiutage kelkan tempon por subteni instalitan ordon. Ĉiuj materialoj de lia arĥivo estis klasigitaj laŭ temoj de liaj iteresoj, kaj ĉiu teksto, ĉiu dokumento tuj trovis sian ĝustan lokon, facile atingeblan. La arĥivo ĥavis science disvolvitan informaparaton, laŭ kiu oni povis dum kelkaj minutoj eltiri bezonatan tekston el respektiva "teko" - biblioteko, kartoteko, fototeko, eĉ inventita de li "urnoteko" - sistemo de plastikaj skatoloj, en kiuj estis ĵetataj laŭ temoj diversaj hazardaj eĉ iam bizaraj, sed"valoraj pensoj", venintaj subite enstrate aŭ entrame kaj tuje fiksitaj sur ajna papereto, por poste trovi sian ĝustan lokon kaj uzon.

La dua ekzemplo estas la grandega arĥivo de la fama blinda verkisto V.Eroŝenko, simple kaj plene forbruligita post lia morto, ĉar oni ne sciis kion fari kun tiu abundo da skribita papero.

La plej proksima E-soci-ĉenero, kiu estus altirebla por prizorgi la arĥivojn de apartaj E-ĵurnalistoj, estas la asocia biblioteko. Estus eble, se ili prenus sur siajn ŝultrojn prizorgon de la arĥivo, formante siaspecajn CED-ĉelojn. Ili inde servus al la movado, se ili kolektus, prilaborus kaj konservus egalvice kun libroj, ĵurnaloj, gazetoj ankaŭ arĥivajn tekstojn. Certe, por tio necesas bindi manuskriptojn, kolektojn de dokumentoj ks. Ankoraŭ pli proksime al tiu tasko staras klubaj bibliotekoj, ĉar ili bone konas la tutan kolektivon de la klubanaro.

Bone, ke ekzistas homoj, emaj al kolektado. En la unua periodo de E-movado estis bona kolektanto Davidov (armeno en Saratovo). Bedaŭrinde en ŝtormo de eventoj pereis ĉio, kion li kolektis. Multe pli feliĉis al Hugo Steiner (Vieno), kies kolektita

trezorejo transformiĝis en renoman E-muzeon en Hofburg-palaco. Same pasia kolektanto estis ankaŭ Jozas Petrulis (Vilnjus). Kaj aktivas modelaj nunaj kolektantoj: Karoly Fajszi (Budapest, Nepköztozsasag ut.24, H-1061), kolektanta tekstajn E-materialojn,k-aj A.Strautmanis (Riga, 226004,p.k.4), kiu sukcesis kolekti multmilan E-fototekon. Fakte tiuj homoj kreis monumentojn al si kaj pri si en formo de kolektitaj trezoroj de E-kulturo. Pli tristan sorton havas aliaj materialoj. Tiel pereis mia propra granda arĥivo en Odeso dum la milito, kiam plene forbrulis la domo, kie mi loĝis.

Pasas vastfronta foriro de veterana generacio de majstroj de E-ĵurnalismo kaj ĝenerale beletro. Venas nova generacio, kiu estonte sindone kaj prospere movos antaŭen E-ĉaron. Sed nun dume ili bezonas "ligan ĉeneron de kontinueco". Kaj ĝin povas doni la materialigita sperto kaj informfonto en formo de dokumentoj kaj ĝenerale la arĥivo. Tio donos al ili eblecon rapide transpasi de nesperto kaj nescio al sperto. Evidente estus celkonforme, ke la majstro havu disĉiplon, al kiu li transdonos sperton kaj ĝian paperan respeguliĝon.

Per forto de logiko ĉiu ĵurnalisto estas samtempe analisto, ĉar la primara okupo pri lumigo de aktualaj faktoj jam entenas en si sekundaran fenomenon - formiĝon de analo. Ankaŭ ne ĉiuj materialoj trafas en preson. Sed venas tempo retrospekti la fariton. Sendube ĝi estas kolosa same kiel granda estas la ĝeneralaj E-atingoj, kaj ĉio estas farata nur per entuziasmo, nur senpage k-aj eĉ ofte sen deca socia aprezo. Sed ĉiuj iniciatoj, ĉiuj atingoj, ĉiuj prosperoj, misoj, fiaskoj estas nepre registritaj surpapere. La spegulo de la movado estas de unu flanko propra E-ĵurnalista arĥivo, de la alia - "epistola literaturo", la dua - ĉe E-popolo - eble okupas la plej eminentan lokon, kaj ĝi fin-fine ankaŭ estas arĥivo.

Dum la lastaj jaroj precipe multaj forpasoj sekvis (K.Gusev, A.Logvin, L.Jevsejeva, S.Rublov, H.Drezen). Ĉiu forpaso estas vera cikatro sur la korpo de E-movado. Do, al centjara sia jubi-

leo, post kvin jaroj, ĝi alpaŝos kiel harda soldato dense kovrita per cikatroj. Centjariĝo de E ne estos izolita historia evento. Ĝi estas ligita kun aliaj gravaj jubileoj kaj elstaraj eventoj kaj fenomenoj.

Tiel okazis, ke plej proksima ligo estas inter E kaj Puŝkin. E aperis ĝuste 50 jarojn post lia morto, kaj la unua eldonita beletra verko en E estis "Neĝblovado". Sed ankaŭ kun aliaj eventoj kaj personoj ĝi havas certan ligon, ĉu en interlingvistika plano, ĉu en plano de eldono de verkoj de respektivaj aŭtoroj, ĉu per praktika servo jam kiel al faktoroj samtempaj.

En la ĵurnalista laboro ĉefaj helpiloj estas la informfontoj. Kaj en tiu senco la arĥivo havas sian nesubtakseblan valoron. Same ĝi havas pedagogian, historian kaj specife movadan esencon kaj gravecon. Nia estanto estas staranta per radikoj en pasinto kaj estas bazo por estonto. Ĉiuj naciaj kulturoj havas siajn trezorejojn en formo de grandaj bibliotekoj, muzeoj, arĥivejoj, fototekoj, diskotekoj, filmotekoj, kartotekoj, sonbendotekoj ktp. Certe, ankoraŭ dume tion E ne povas havi, sed certagrade kompensi tion per zorga rilato kaj konservo de E-ĵurnalistaj arĥivoj ĝi povas.

N. DANOVSKIJ

---

Laŭ la statuto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, en landoj, kie estas ĝis kvin membroj de TEĴA, elektas inter si unu reprezentanton de nia asocio; kie estas pli ol kvin membroj ili elektas unu komitatanon. La komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA gvidas la asociajn aferojn en la respektiva lando: ili reprezentas nian asocion kie necese, varbas novajn membrojn, kolektas la membro- (abon) kotizon k.t.p.

Ni petas: La membroj de TEĴA, kie ne estas reprezentanto aŭ komitatano, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofico kaj sendi iliajn adresojn al la Estraro de TEĴA kaj al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto". Se necese la Estraro de TEĴA mem nomos ilin provizore.

EL LA HISTORIO DE LA INTERNACIA JURNALISTA MOVADO
(daŭrigo)

Ĝis 1947 la monda ĵurnalista movado estis unueca. Ekde 1948 iuj tendencoj de kontraŭdiroj en ĝi pliakriĝis. La amerika gazetara gildo (ANG) en 1948-1949 ĉesis pagi siajn kotizojn al la Internacia Organizaĵo de l'ĵurnalistoj (sidejo Prago, ĈSSR) kaj kree provis transloĝigi la gvidantaron en alian landon. Okazis premo sur la ĵurnalistajn grupojn er la landoj akceptintaj la planon Marshall. La prezidanto de ANG Henri Martin estiĝis administranto de tiu plano.

En oktobro 1949 la asocio de la belgaj ĵurnalistoj rifuzis gastigi la 3-an Kongreson de IOĴ kaj en la fino de la sama jaro la ĵurnalistaj asocioj en la landoj de la plano Marshall forlasis la Internacian Asocion de Ĵurnalistoj (IOĴ-Prago). En la sama jaro - de la 15 de septembro ĝis la 18 de septembro okazis la Tria kongreso de IOĴ en Helsinki -Finnlando, kiun partoprenis delegitoj el 30 landoj. Oni elektis novan estraron de IOĴ kun prezidanto Jean Maurice Hermann el Francio. De la 6-a ĝis la 10-a de aŭgusto 1962 en Budapeŝto okazis la Kvina Kongreso de IOĴ, kiu pritraktis la problemojn de la ĵurnalistoj en la evoluantaj landoj.

La 18-an de februaro la ĉiutaga usona gazeto Wachington Post informis siajn legantojn, ke la Amerika ĵurnalista asocio ricevis subvencion de la spiona usona agentejo CIA ĉirkaŭ unu milionon da dolaroj por sia internacia aktiveco. En 1969-1970 IOĴ (Prago) kunordigis sian statuton konekse kun la statuto de UNESKO kaj UNO.

(Daŭrigota)




-/-

(INFORMATIONS UNESCO)

## Al kelkaj interesigitaj personoj

La scienc-populara revuo "Himija i ĵiznj" (Kemio kaj vivo), aperanta en Moskvo en 365 mil ekzempleroj (kiun legas ĉirkaŭ miliono da kleraj personoj), publikigas en la julia-oktobra numeroj de 1982 miajn materialojn: artikolon pri lingva problemo en la scienco kaj 16-lecionan kurson de Esperanto por scienc-teknikaj laborantoj. Ĉiu leciono ampleksas 2-3 tajpitajn paĝojn kaj konsistas el kelkfraza teksto pri scienc-teknikanovaĵo, komentaro al ĝi, novaj radikvortoj kun traduko kaj rekomendo al la lernanto. La kurso estas emfazata kiel enkonduko al rapida lern-maniero de legado de scienc-teknika literaturo en kelkaj eŭropaj lingvoj. Studata leksiko: 500 radikoj plus 500 radikoj en aldona vortareto. La lasta teksto estas tradukenda kaj sendenda al la redakcio.

Por pleje sukcesigi la aferon, ni havas al vi jenajn proponojn:

- Ni bezonos por la finstudontoj multajn adresojn de diversaj fakuloj por korespondado. Pri tio skribu al: Anatolo Gonĉarov - Molodjoĵnaja 38-10, SU 143000 Odincovo, Moskovskoj obl., USSR.
- Estas dezirinda paralela laboro en diversaj landoj. Do estus bone, se vi aŭ alia kompetenta persono aŭ via E-Asocio, baziĝante sur la ekzemplo de "Himija i ĵiznj", traktus kun iu vialanda scienc-populara revuo pri publikigo de E-kurso por scienc-teknikaj laborantoj, eble, kun la moto "Lernu Esperanton por korespondi kun sovetiaj fakuloj!". Ekstremokaze, oni povus publikigi la kurson broŝure en la revuo de via Asocio. La kurson vi povas ellabori mem aŭ, por ne perdi la tempon kaj fari la laboron unuece, adapti la nian.

La finstudontojn ni povus interkorespondigi, kio retenus ilin en la movado kaj akcelus aplikon de E en scienco kaj tekniko. Pri tio kaj pri ricevo de kopio de la unua parto de la publicaĵo (la artikolo kaj du unuaj lecionoj) skribu al mi: Boris Kolker - abonkesto 1125, SU UFA 450025, USSR.

B.Kolker

## TRA LA GAZETARO

### "SPUTNIK" MENCIAS ESPERANTON

En la artikolo "Ne kredu la saĝecon de la armilfabrikantoj" konataj diverslandaj scienculoj prezentas sian starpunkton pri la temo "Ĉu la militmendoj influas pozitive al la ekonomiko kaj la scienca progreso". La materialoj estas prunteprenitaj el re-

vuo "Scienca mondo", organo de Tutmonda federacio de scienclaboristoj, aperanta en sep lingvoj. En piednoto al la artikolo la redakcio de "Sputnik" notas, ke la revuo aperas ankaŭ en Esperanto.

Havante antaŭvide, ke la revuo penetras vastajn sciencajn rondojn en multaj landoj de la mondo, oni povus inde taksi tiun mencion en tiel prestiĝa revuo, kia estas "Sputnik", aperanta en la lingvoj: angla, hispana, franca, germana, ĉeĥa, hungara, rusa.

La esperantistoj kun danko notas tiun gravan por nia movado kaj ĝia popularigo noton.

LA GAZETARO EN GDR PRI ESPERANTO

El gazeto "Der Esperantist" n-ro 6 de dec.1981 ni ĉerpas:

En 1980 en Germana Demokrata Respubliko aperis en la gazetaro entute 193 artikoloj pri Esperanto en 46 periodaĵoj. Donis lokon de priesperantaj materialoj 9 centraj gazetoj per 22 artikoloj. La plej influa tagĵurnalo "Neues Deutschland", organo de SED, aperigis 7 erojn, kontentige laŭ la ĝisnunaj spertoj. La tagĵurnalo "Der Morgen", organo de la Liberaldemokratia Partio, daŭre aperigas la konatan serion pri Esperanto, gvidata de Peter Levsen. Tiu serio funkcias seninterrompe ekde 1965. Dum 1980 aperis 25 artikoloj kun tre variaj temoj. Entute Peter Levsen aperigis en tiu serio 483 artikolojn. Imitinda ekzemplo.

Plej sukcese aktivis sur la gazetara kampo la distriktoj: Drezden - 20 materialoj en 3 gazetoj; Schwerin - 19 en 4 gazetoj; Neubrandenburg - 18 en 4 gazetoj; Leipzig - 17 en 4 gazetoj.

La redakcio de "Der Esperantist" konstatas, ke sufiĉe malofte oni utiligas la fabrikgazetojn.

BELETRO KAJ POEZIO

ĴURNALISTOJ

Iam monaĥoj skribadis anale,
Skulptis kaj pentris sanktulojn de di',
Laŭ dekalog' kaj biblio grandskale
Kodon predikis de viv' katedrale,
Kantis miraklojn de di', de podi'
Ĉe paradiza orgen-melodi'

Sed venis nova epoko metala,
Simpla hom' iĝis miraklo-kreant'
Homajn rilatojn kun vivo-moralo
Traktas moderna bibli' - la ĵurnalo,
Kaj mem ĝi iĝis miraklo por skand'
Kaj malkovranta miraklojn por kant'.
Estas spegul' reflektanta ĝi ankaŭ,
Kelkiam kripla, sed kun granda sving',
Tamen nuntempa ĝi skrib' estas sankta
Kun apostoloj sentogaj multantaj
"La ĵurnalistoj" laŭ nom' kaj konvink'
De la cetera popol' sen disting'.
Ili, do, kreas sociopinion,
Ravan miraklon de nuna real' ...
Sed fiman' de mizantropo rabia
Kaŭzos ekstermon de homa specio,
Se apostoloj de plum' misos al
Sava mirakl' de popola mistral'.

N.DANOVSKIJ

Glosaro: (laŭ PIV)

Dekalogo - la dek ordonoj religiaj, diktitaj de Iaveo al Moseo.

misi - el la vorto "mis". Prefere almetebla al verba radiko kaj signifanta, ke la ago estas nekonvene, erare aŭ malĝuste farata: misaŭdi, miskalkuli, miskompreni ktp

mistralo - nordokcidenta vento, kiu direktiĝas sudorienten al mediteraneaj marbordoj de Francio.

fiman - kombinita vorto el fi kaj man - fia mano.

La redakcio



# Ricevitaj esperantaĵoj

GEORGO DIMITROV - konciza biografio de la fama bulgara kaj internacia laborista kaj socia aganto, eldonita okaze de 100 jaroj de lia naskiĝo (1882-1982). Aŭtoro Petra Radenkova, 68 paĝoj, bone ilustrita per fotoj kaj bildoj pri G.Dimitrov. La libreto estas tradukita de Nikola Aleksiev, kiu skribis ankaŭ la antaŭparolon. Redaktoro - Asen Grigorov. Eldonejo "Sofia-pres", 1982.

BLANKA SABLO - fabeloj, legendoj, rakontoj el Vjetnamio pasinta kaj nuntempa. Aŭtoroj: Vu Hun At kaj Nguyen Thanh Long, tradukoj de Nguyen Minh kaj Dang Dinh Dam. Fremdlingva Eldonejo, Kolekto Hibisko - Hanojo.

REVENO - rakontoj de Duong Thu Huong, Ut Mien kaj Luu Quang Vu. Tradukis Minh Kinh. Malgrandformata 82-paĝa libreto ilustrita. Kolekto Hibisko, Fremdlingva eldonejo - Hanojo, Vjetnamio, 1981.

Informa bulteno, numeroj 1-2, 3-4 kaj 5 - eldono de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (SASE), Moskvo, USSR, eldonitaj en 1982 ofsete de presejo; n-ro 3 de eldonejo "Scienco". La kajeroj donas multajn organizajn, kultur-klerigajn, bibliografiajn kaj aliajn informojn pri la vivo kaj agado de la estraro de ASE, ĝiaj filioj, grupoj k.a.en 30-34 paĝoj. Redaktoroj: N.Zubkov,A. Makovskij, I.Gonĉarov kajG.Korotkeviĉ. Adreso de la bulteno: 103009 Moskva, K-9, prospekt Kalinina 14, Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, USSR, (por la "Informa bulteno".

Bulgara Esperanto-Movado prezentita en Enciklopedio "Bulgario", eldono de Bulgara Akademio de Sciencoj, Sofio, 1978, ĉefredaktoro akad.Vladimir Georgiev.

Aldono: Leo Tolstoj kaj Maksim Gorki pri Esperanto. Propaganda broŝuro 32-paĝa, redaktita kaj tradukita de Nikola Aleksiev, Sofio, 1982. Ĝi prezentas la tekston pri "Bulgara Esperantista Asocio (BEA)" (Enciklopedio "Bulgario", v.I litero "B",paĝo 523) kaj "Esperantista movado en Bulgario", Enciklopedio "Bulgario", v.II, paĝoj 574-575, litero "E"), kun klarigaj notoj de Nikola Aleksiev. En la dua parto de la broŝuro estas artikolo "Lev Tolstoj kaj la Internacia lingvo" de Boris Kolker, soveta sciencisto, kaj la artikolo "La estonteco apartenas al Esperanto" (el la libro "Rememoroj pri mia laboro kun A.M.Gorki" de I-

lja S.Skapa). La broŝuro estas eldonita de Bulgara Esperantista Asocio, Centra Estraro, Sofio, 1982, en bulgara lingvo. Liveras BEA.

Sofia Informbulteno, eldonas la Urba Estraro de BEA, Sofio, n-roj 1-2. Ĝi respegulas la organizan kaj kulturan agadon de UE kaj la esperantistaj societoj en Sofio. Paĝoj 32. Adreso: Urba Estraro de BEA, str."Il.Makariopolski" N° 4, 1202 Sofio, Bulgar.

Bulgario-turismaj informoj, bulteno de la Centra por turismaj eldonoj, Sofio, 12-paĝaj ofsetaj broŝuretoj.

Rondvojaĝo tra Bulgario - interesa kolorilustrita faldfolio pri Sofio kaj aliaj turismaj objektoj en Bulgario. Eldonis Ŝtata komitato pri turismo, 1000 Sofio, pl."Lenin" 1. Eldona Centro pri turisma reklamo.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

- Angelo Agosti, Shiestraat 18, 1442 Purmerend, Nederlando.
- Germain Pirlot, Hemmelbergstr. 5/B. 3, B-8400 Oostende, Belgio.
- Herman Schröder, poŝtfako 1252, D-7822 St.Wlasien, Fed. Respubliko Germanio.
- Lina Gabrielli, Via Luigi Merkantini 14, 63100 Ascoli, Piseno, Italio.
- Luiz Garillo Ricardo, Apartado Postal, M-7450 Mexico 1, Mexiko.
- Petro I.Antiquera, Esq.C.Verakruz 21, Criptana-Ciudad Real, Hispanio.
- Nikolaj Bor. Zubkov, 107231 Moskva, Bajkalskoj ul.38 kv.4, Sovetunio.
- Jorge Tashauer, Av.Montenegro, 4572 Santiago 11, Ĉilio.
- Edward Simoens, Putsesteenweg 131-AB-2180 Kalmhont, Belgio.
- Laimiis Straznickas, Topoliu 4-41, 234580 Alytus - 3, Litova SSR, USSR.
- N.I.Sigal (Podolskij), 270011 Odessa 11, str. Kirova 52, kv.25, Sovetunio.
- Elmar Ratassepp, 202500 Volga, Komsomoli 3-1, Estona SSR Sovetunio.
- Ŝaik B. Mamedov, 370052 Baku 22, ul.Huluflu 29/52, Azerbaĵĝana SSR, Sovetunio.
- Stefan Maul, Lingerstr. 5, D-7970 Leutkirch, F.R.Germanio.
- Francis E. Helmuth, P.O.Box 6215, San Diego, Kalifornio, Usono.
- Taiei Nakai, Motosiro-cho 19-2 Fusinomiya-si, 418 Japanio.

- Jeĵa Tiberio, ĉefredaktoro de "Megyel Tükör, str.Presei kr 8/A R-4000 Sfintu Gheorghe, Rumanio.

Novaj adresoj de TEJA-anoj

- Herman Schröder, PF 1323, D-7292 Baiersbronn 1, F.R.Germanio.

## Nía poŝto

- Ŝaik B.Mamedov, Baku, USSR. Ni enskribis vin en la membro - kaj abonliston de TEĴA. Vi ricevos "Internacia-n Ĵurnalisto-n". Por informoj pri kursoj kaj organiza laboro turnu vin al Bulgara Esperantista Asocio, blv. Hristo Botev 97, 1303 Sofio.

- Germain Pirlot, Oostende, Belgio. Via letero ricevita.Dankon. Pri iuj viaj notoj vi pravas. Vi tamen ne estas bone informita, aú misinformita. Sed ĉiuj ni, ankaú vi, devas aktiviĝi por la aktivigo de TEĴA.

- N.I.Sigal, Odesa, USSR. Ni akceptas vian proponon. En nia organo "IĴ" vi legos pri viaj taskoj tiurilate. Dankon.

GEKOLEGOJ, BONVOLU KUNLABORI AL VIA PRESORGANO "INTERNACIA JURNALISTO", SENDU KONTRIBUAĴOJN PRIĴURNALISTAJN - ARTIKOLOJN, INFORMOJN, ESEOJN, HUMURAĴOJN, RAPORTAĴOJN, FOTOJN k.a.

ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen Box 59,5501 Haugesund,Norvegio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv."Borovo" bl.219 B, 1680 Sofia,Bulgario. Li estas ankaù ĉefredaktoro de "Inetrnacia Ĵurnalisto".

Tadros Megalli, D-8387 Rossebach, Untergrafendorf, F. R.Germanio.

Nikolaj Danovskij, 2266014 Riga 14,ul.Ostrovskago 4-4, USSR

Ĝenerala sekretario kaj kasisto: Dino Fabris, Borgo Rossan 5, Cittadella (Padova), Italio.

Membro - estrarano: Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul. "Asparuh" 61, Bulgario.

KIU TEĴANO VOLAS ESTI REPREZENTANTO DE TEĴA POR SIA LANDO BV TUJ INFORMI PRI TIO NIAN REDAKCION.

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680, Sofia, kv."Borovo" bl.219 III, Bulgario, tel. 56-58-77. Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Krâstju Karucin.